



# AGADO

DE RONDETO ESPERANTISTA ĈE MěstOB EN JIHLAVA

MARTO 1961


# Tosto al la Morto

## ESEO MEMORE AL A. P. ĈEHOV

Estas bezone verki mallonge, kio signifas talente.

A. P. Ĉ.

1860

Azova Maro en verde-blua milnuanco brilis sub la sudrusa suno, sed Antoŝa ne havis tempon observadi ĝin, nek ludi en ĝiaj ondoj.

La havenurbeto Taganrog bruis en la suddialekta kriĉobunto, sed Antoŝa ne havis tempon babili kun najbaroj.

1875

Antoŝa, la juna gimnaziano, devis labori por certigi al si la ĉiutagan panon. La knabo Antoŝa, sola en la naskiĝurbo, senigita de la familia sino, senmona, ne desperis, sed sukcesis havigi al si la necesajn vivrimedojn. Per facilaj kaj nefacilaj laboroj. Antoŝa Ĉehov balais kortojn de siaj najboroj, helpis en iliaj butikoj, instruis siajn kolegojn, la petolemajn bubaĉojn, ĉio ĉi estis nefacilaj laboroj, sed Antoŝa Ĉekonte inventis ankaŭ la facilajn. Kiel ridindaj estis liaj najbaroj, bolintaj en la disputa febro! Kiel simpatiaj estis vilaĝanoj ofertintaj sian varon sur la polvoplena merkato. Estis ja tiel facile skribi humorstilajn leterojn pri siaj najbaroj, amikoj, samurbanoj kaj sendi ilin al la gazetoj. La bonkoraj gazetistoj honorariis tiun facilan laboron. Ho, tamen, bele estas vivi, se oni tiel senpene povas akiri monon. Kaj Antoŝa Ĉekonte elŝiris multajn foliojn el siaj lernejaj kajeroj kaj uzis ilin por skribi anekdotojn, raportajetojn, skizojn, kronikajojn, ĉion en la humura stilo, kompreneble, ĉar la tuta laboro ne estis laboro, sed amuzo.

La bonkoraj gazetistoj tre multe observadis la brilludon de la milnuanca Azova Maro kaj la kriĉobunto de la havenurbaj stratoj absorbis ilian tutan atenton. Eĉ ne unu el ili rimarkis, ke la elŝiritaj kajerfolioj, de la gimnaziano Ĉekonte emanas ion : la genian verkistan talenton.

1879

Antoŝa kun la matur-ekzamena diplomo en la poŝo, kun ftiz-baciloj en la pulmo kaj modestosento en la medolo de l'animo, forlasis la ĉarman bordon de Azova maro kaj la mallarĝajn havenurbajn stratojn anstataŭis per la larĝaj grandurbegaj, en Moskvo. Ho, kiel bela estis Moskvo kun siaj palacoj kaj monumentoj, parkoj kaj promenejoj, rave bela, granda, vasta, sed al li kaj lia familio Moskvo proponis nur mizeran, malgrandan loĝejeton, tro mallarĝan por la multmembra familio Ĉehov kaj kelkaj kolegoj pensionuloj.

Antoŝa, studento de medicino, ne malesperis en la kaduka loĝejeto, ĉar kial desperi, se ekzistis bonkoraj gazetistoj, kiuj volis honorarii la ludlaboron de Antoŝa Ĉekonte. Li verkis cent, ducent eĉ pli da humorajetoj jare. Nokte en la anguleto de la sufoka ĉambreto li ludis per la plumo kaj la humuraj rakontetoj aperadis sur la elŝiritaj kajerfolioj. Vere facila perlaboro! Ne mirige, ke la grandurbegaj trookupitaj gazetistoj ne sukcesis rimarki ke io petole sin kaŝas en la kajerfolioj — la estonta mondfama verkista stilo. Sed Moskvo proponis tiom da ĝojoj, ĝuoj kaj ekscitiĝoj al la talentitaj gazetistoj, ke tiuj vere ne havis tempon atenti la amatoran verkistan laboron de la juna studento de medicino. Krome, liaj humorajetoj estis honorarioj, kaj nu, ĉu io valora povas esti malmulte pagata en la preso-fako?

Antoŝa Ĉekonte daŭrigis facile perlabori la necesan monon por ke Anton Ĉehov povu fini la malfacilan laboron — la medicinan studon.

1884

Inter la grizaj muroj de la loĝejeto sonis la kanto el la junaj gorĝoj. Tostoj honoris la junan diplomiton, Antoŝa Ĉehov doktoriĝis. Ŝajnas, ke la tostoj estis nekutime laŭtaj kaj traborigaj, ili atingis la orelon de la influa jurnalisto Suvorin, kiu fine degnis rimarki, ke la noveloj „Arbargardisto" kaj „Kavaĉo" estas la heroldoj de la nova stilo en la rusa literaturo. Mallonga esprimo, reliefa priskribo, konciza vivdesegnaĵo skizita per kelkaj vortoj, sen io troa. Venis la laŭdaj leteroj, aperis la flataj opinioj. Eksterlandaj revuoj postulis la manuskriptoin. Miris la kolegoj, miris la familianoj, sed plej multe miris Doktoro Antoŝa mem, apenaŭ nun konscia ke la verkado ne estis ludo kaj amuzo.

1886

La juna doktoro Ĉehov dum tago en la kuracista konsultejo faris notojn en siaj kajeroj por ke nokte la verkisto Ĉehov el la kelkvortaj, kelkliniaj notoj elforĝu novelojn, rakontojn, dramojn. Antoŝa Ĉekonte estis entombigita por ĉiam, ankaŭ la kutimo verki ducent humorajetojn jare, ankaŭ la opinio ke

la verkista laboro estas amuzo kaj ludo. La verkisto Ĉehov nun poluris siajn verkojn, korektadis ilin, refaradis, demandis konsilojn de siaj amikoj Gorkij kaj Tolstoj. Verkis nur dudek ĝis tridek rakontojn kaj novelojn jare. La milda humura stilo el lia junaĝo komencis ricevadi dentojn kaj ungojn. Ĉiam pli akre kaj sange li pikis la homan stultecon, etanimecon, poltronecon kaj la socian maljuston, koruptemon, burokratismon, protektismon kaj hipokritecon. Nenio povis eskapi lian penetran kuracistan rigardon. Ankaŭ ne tio, kaŝita malantaŭ la dikaj feraj kradoj.

1890

Li trovis la vojon ĝis la fifama prizono Sahalin. Per la literatura armilo li protestis kontraŭ la reĝimon rekantan tie kaj li sukcesis. La policistoj de l'caro devis mildigi la mezepokajn metodojn.

1895

„Mevo", la dramo nekomprenita de la publiko, fuŝe sursceniigita de la reĝisoro, la dramo en kiu mankis longaj heroecaj ditiramboj, malsukcesis. Sed la vera kvalito, eĉ piedpremita de la homoj, radias. Ĉiam iu eksentas la forton. La novefondita „Hudojestvenij" teatro prenis la forjetitan „Mevon" kaj faris el ĝi triumfon por la aŭtoro, teatro kaj la rusa dramverkado. Ĝis hodiaŭ mevo salutas, en formo de emblemo, la vizitantojn de la „Hudojestvenij" teatro. „La Tri pratinoj", „Oĉjo Vanja" kaj „Ĉeriz-ĝardeno" sekvis la triumfan svingon de la „Mevo"; al multaj teatraj scenejoj en la mondo. La rondiro daŭras ĝis hodiaŭ.

1896

Ne triumfis nur la „Mevo". Ankaŭ ftizbaciloj, pro la nokta laborado, pro trookupiteco de l' verkisto, pro la multaj skribitaj leteroj, ili havis tempon jubili senĝene en la pulmo de l' kuracisto, kiu sanigadis aliajn, sed ne havis tempon zorgi por si mem. Ĉehov devis lasi la larĝajn, grandurbegajn stratojn de Moskvo, ĉar sur ili ofte hurlis la akraj ventoj kaj neĝtempestoj. Tio ne konvenis al la baciloj. Al ili multe pli plaĉis la milda klimato de Jalta, kie la verkisto ek de nun loĝis en la bela somerdomo. Li estis bona najbaro. Li konstruis lernejojn kaj malsanulejojn por siaj kunlokanoj. Li ja ne bezonis por si la tutan monon, kiun oni sendis al li el la tuta mondo. Lia junaĝo instruis lin kontentiĝi nur per la plej bezonataj vivrimedoj. Por li estis bezona nenio krom la milda klimato, skribotablo kaj kareso de l'juna edzino, aktorino.

1904

La ftizbaciloj ronĝis ĉiam pli kaj pli. Ili ne plu estis kontentaj en la sudrusa klimato, ili postulis la sanatorian flegon. La verkisto obeis. Kun la edzino li forvojaĝis al la germana kuracloko Badenweiler. Tie li apartenis al la agrablaj pacientoj, kiuj ne ĝenis senĉese kuracistojn postulante ilian intervenon. Li ne grumblis, li ne veis. Ankaŭ en la nokto de la 15-a de julio ne vokis la kuraciston li, sed la edzino. Ŝi rimarkis nur, ke la edzo malbone fartas, sed la kuracisto rimarkis, ke la paciento la lastan fojon malbone fartas. Por faciligi la momentojn de l'forpaso, li konsilis ĉampanvinon. Ĉehov prenis la glason, tostis al la edzino kaj kviete eltrinkis la ŝaŭmanta nektaron kaj same kviete elspiris la vivon La tosto al la edzino estis samtempe la tosto al la morto.

1960

La mallaŭtan toston flustritan en la mortoĉambro de la germana sanatorio aŭdis la tuta homaro. Ĝi ne forgesis la verkiston Ĉehov. Miloj da artikoloj en la tuta mondo rememoras la noveliston Ĉehov, teatroj en multaj urboj kaj lokoj celebradas la dramverkiston Ĉehov. Honore al la modesta kuracisto, kiu konis nur la laboron kaj zorgon por aliaj, nun estas aranĝataj feston kiujn partoprenas miloj da homoj. En ĉiuj partoj de la mondo. Tosto al la morto transformiĝis en la triumfon de la senmorteco.

EMILIJA LAPENNA
(Premiita en la Belartaj Konkursoj 1960)

# *Muzika printempo de Jihlava*

La kultur-socian vivon de nia urbo oni ne plu povas imagi sen du koncert-cikloj, el tio unu — „La tutŝtata festivalo de vokala kreado" regule okazas dum la aŭtunaj monatoj kaj la dua — „La muzika printempo de Jihlava" estas digna kulmino de la tuta koncerta sezono. Ĉijare jam po kvine bonvenigos la vekiĝantan printempon en Jihlava komponaĵoj de niaj kaj eksterlandaj majstroj. Kaj la kvina sezono ne estos pli malriĉa ol estis la sezonoj antaŭaj, kontraŭe — ĝi alportos en nian koncertan agadon eĉ kelkajn novajn formojn. La ĉi-jaraj printempaj koncertoj havas kompare kun la pasintaj ankoraŭ unu tre gravan mision: kontribui al la dignaj festoj okaze de la 40-a datreveno de fondiĝo de Komunista partio de Ĉeĥoslovakio.

La muzika printempo de Jihlava entenas 5 elstarajn koncertojn: en marto por unuafoje en nia urbo prezentos sin kamera orkestro sen dirigento de Brno Collegium musicum kaj post pli longa paŭzo oni bonvenigos violiston Ivan Kawaciuk. En la unua duono de aprilo efektiviĝos vespero de solistoj de la Nacia Teatro de Praha, en kiu partoprenos elstaraj membroj de la opero.

En la dua duono de aprilo efektiviĝos vespero de muziko kaj poezio titolita „Amo kaj jarcentoj". Partoprenos ĝin membro de la ĉeĥa noneto Václav Žilka — fluto, Ludmila Váchalová — harpo, solistino de opero de la Nacia Teatro Marie Tauberová kaj la membro de la drama teatro de la Nacia Teatro Jiří Dohnal. La ferma koncerto de la muzika printempo de Jihlava estas envicigita komence de majo kaj prezentos ĝin la Montareta simfonika orkestro de Jihlava.

Por la regulaj vizitantoj de la koncertoj kaj por la membroj de la „Rondeto de junaj muzik-amikoj" oni preparis oportunan abonon.

(ROBERT KONOPÁSEK, direktoro de MěstOB)

*Julie Šupichová*

# Mluvím esperantsky

*(Mi parolas Esperante)*

Schůzky našeho kroužku navštěvují nejen pokročilí esperantisté, ale též eperantisté začátečníci. S těmito kromě jiného programu probíráme základní hovorové věty. K tomuto účelu požádali jsme s. J. Šupichovou z Prahy o její dílko „Mluvím esperantsky", které je určeno hlavně pro začátečníky. Budeme jej uveřejňovat na pokračování.

---

POZDRAVY A OSLOVENÍ. — SALUTOJ KAJ ALPAROLOJ.

1. Práci čest! — Honor' al laboro!
2. Dobrý den (přeji). — Bonan tagon (mi deziras).
3. Dobrou noc, příteli! — Bonan nokton, amiko!
4. Sbohem, děti! — Adiaŭ, infanoj!
5. Buďte vítáni, soudruzi! — Bonvenon, kamaradoj!
6. Posaďte se, soudružko, prosím! — Sidiĝu, kamaradino, mi petas!
7. Jak se máte? — Kiel vi fartas?
8. Díky, docela dobře. — Dankon, tute bone.
9. Mám opravdu radost, že vás vidím. — Vere mi ĝojas vidi vin.
10. Co je u vás nového? — Kio estas nova ĉe vi?
11. Mám k vám prosbu. — Mi havas peton al vi.
12. Promiňte, prosím, že jsem vás překvapil. — Bonvolu pardoni, mi petas, ke mi surprizis vin.
13. To je příjemné překvapení. — Tio estas agrabla surprizo.
14. Musím (potřebuji) s vámi mluvit. — Mi bezonas paroli kun vi.
15. Pozdravujte ode mne své rodiče. — Salutu de mi viajn gepatrojn.

PŘEDSTAVOVÁNÍ. — PREZENTADO.

16. Jmenuji se . . . (Me jméno je . . .) — Mia nomo estas . . .
17. Dovolte, abych se představil. — Permesu prezenti min.
18. Jak se jmenuje (on)? — Kiu estas lia nomo?
19. Jsem šťasten, že jsem vás poznal. — Mi estas feliĉa ekkoni vin.
20. Znáte kamaráda N.? — Ĉu vi konas kamaradon N.?
21. Slyšel jsem již mnoho o vás. — Mi jam multe aŭdis pri vi.
22. Mám vás představit? — Ĉu mi prezentu vin?
23. Kdo je ten sympatický člověk? — Kiu estas la simpatia homo?
24. Rád bych s ním mluvil. — Mi ŝatus paroli kun li.

LOUČENÍ. — ADIAŬO.

25. Na shledanou! — Ĝis (la) revido!
26. Šťastnou cestu! — Feliĉan vojaĝon!
27. Pozdravujte doma! — Salutu la viajn!
28. Přijďte k nám zase brzo! — Venu denove baldaŭ al ni!
29. Proč tak brzo? — Kial tiom frue?
30. Snad se zase brzo uvidíme. — Espereble ni baldaŭ revidos nin.
31. Neříkám vám sbohem, ale na shledanou! — Mi ne diras al vi adiaŭ, sed ĝis revido!
32. Těším se na shledání s vámi příští měsíc. — Mi ĝojas revidi vin venontan monaton.

RŮZNÁ RČENÍ. — DIVERSAJ FRAZOJ.

NABÍDKY. — PROPONOJ.

33. Dovolte, abych vám nabídl . . . — Permesu proponi al vi . . .
34. Mohu vám nějak pomoci? — Ĉu mi povas iel helpi vin?
35. Nabízím vám své služby. — Mi proponas al vi miajn servojn.
36. Chcete-li, rád to udělám. — Se vi volas, mi volonte faros tion.
37. Čeho potřebujete nejdříve? — Kion vi bezonas plej frue?
38. Je to maličkost, prosím, přijměte to! — Ĝi estas bagatelo, bonvolu akcepti ĝin!
39. Všeho, co mám, můžete volně používat. — Ĉio, kion mi posedas, estas por via dispono.
40. Šel bych rád s vámi, souhlasíte? — Mi ŝatus iri kun vi, ĉu vi konsentas?
41. Je vám libo? — Ĉu plaĉas al vi?

SOUHLAS. — KONSENTO.

42. V tom s vámi souhlasím. — Pri tio mi konsentas kun vi.
43. Doufám, že se domluvíme. — Espereble ni interkonsentos.
44. Přijímám s velkou radostí. — Mi akceptas kun granda plezuro.
45. Mám o tom stejné mínění. — Mi same opinias pri tio.
46. Dělejte, jak chcete. — Faru, kiel vi volas (laŭ via plaĉo).
47. Prosím, rozhodněte sám. — Mi petas, decidu mem.
48. Učiním vše možné. — Mi faros ĉion eblan.
49. Buďte ujištěn, že pomohu. — Estu certa, ke mi helpos.

ODMÍTNUTÍ. — RIFUZO.

50. Lituji, ale nemohu. — Bedaŭrinde, mi ne povas.
51. Snad se jindy lépe dohodneme. — Eble alifoje ni pli bone interkonsentos.
52. To nezáleží jen na mně. — Tio ne dependas nur de mi.
53. To je marná námaha. — Jen vana penado (tio estas vana).
54. Mrzí mě, že musím odmítnout. — Malĝojigas min (mi ĉagreniĝas), ke mi devas rifuzi.
55. Jsem rozhodně proti tomu. — Nepre mi kontraŭstaras.
56. Promiňte, ale nemohu jednat jinak. — Pardonu, sed mi ne povas alie agi.
57. To je zamítavý posudek. — Tio estas rifuza kritiko.
58. Napolo mě odmítli. — Duone ili rifuzis min.

# Oni serĉas la tombon de heroo!

En lasta numero de esperantista gazeto „Fajrero" aperis ĉi tiu grava elvoko: — Atentu! Legantoj apud de Jihlava kaj Havlíčkův Brod, helpu al ni! — La 9-an de majo 1945 pereis en via regiono 18-jara leutenanto, tankisto Boris Gindin, filo de D-ro Lazaro Gindin, kiu loĝas en Moskvo 48, str. Kliniceskaja 2, log. 8. - Proksimuma lokoindiko proks. 10 km de Jihlava direkte al Havl. Brod. Liaj gepatroj petas pri sciigo, ĉu ekzistas lia tombo aŭ komuna tombo, kie li estis tombigita. La sciigojn sendu al la indigita adreso aŭ al la redakcio de Fajrero! (Ankaŭ al redakcio de AGADO.)

La esperantan artikolon ĉeĥtradukis membrino de nia klubo s-ino Št. Panská kaj sendis ĝin al redakcio de regiona gazeto „Jiskra", kiu post du tagoj aperigis ĝin sub la titolo „Oni serĉas la tombon de heroo".

Dume vizitis s-ano Tichý kamaradon Zronek, estron de MěstNV, por serĉi helpon. K-do Zronek telefonvokis oficejon de tombejo, ĉu la soveta heroo trovis tie sian lastan ripozon. Sed la nomo de menciita heroo ne troviĝas inter multaj, ĉe ni mortigitaj sovetaj soldatoj. Estas necese plue serĉi por kontentigi deziron de la gepatroj de tiu, kiu oferis sian junan vivon por nia laboriĝo, por nia feliĉa estonteco.

## Letní esperantský tábor

*ve Stříbrné zátoce u Lančova na Vranovské přehradě uspořádá od 16. července do 12. srpna 1961 ve dvou čtrnáctidenních bězích KURSY ESPERANTA. Celkový pobyt v jednom běhu s kursovným a stravou stojí 250 Kčs. Bližší informace sdělí „Okresní dům osvěty, odbor Esperanto v Třebíči", nebo je získáte při pravidelných čtvrtečních schůzkách jihlavského esperantského kroužku.*

Ĵaude, la 2-an de marto oni aranĝis en nia klubejo la prelegon akompanitan per lumbildoj pri SET (Somera esperantista tendaro) 1960 en Arĝenta golfo de valbarlago Vranov. La akompanantan texton esperantlingve surbendigis membroj de esperantista rondeto en Jihlava ges-anoj Coufal, D-rino Kopečková kaj Tyráček.

★

Kunvenoj de esperantista rondeto en Jihlava okazadas ĉiuĵaude ek de la 18-a ĝis la 20-a, en klubejo, troviĝanta en ĝardeno de Domo de klerigo, Žižkova 15. Jen la programo: Mallongaj prelegoj, ankaŭ akompanitaj per lumbildoj, tradukado de diversaj tekstoj, kantado, konversacio, ktp.

★

Má-li kdo zájem o více výtisků našeho oběžníku -Agado- může se přihlásit při klubovních schůzkách nebo u s. Fr. Tichého, Pofis, v Komenského ulici, nebo u MěstOB — eperantský kroužek, Žižkova ul. 15.

ANEKDOTOJ

Soldato ekdormis sur la posteno, sed lia kamarado honeste plenumis sian devon. Subite kanona kuglo forportas la kapon de la dormanto. „Mil diabloj!" ekkriis la gardestaranto, „kiel li ekmiros, kiam li vekiĝos sen kapo!"

La instruisto postulas traktajon pri la temo „Vizito ĉe la onklo." „Sed," li aldonas, „ne eltrovu ion, sed skribu nur, kion vi efektive travivis." Unu traktajo tekstis: „La onklo ne estis hejme."

JAN NERUDA

## Al la patrineto

Tutan ĝojon kaj doloron
mi travivas en sekreto;
mi interne en mi kaŝas
ĉion antaŭ patrineto.

Panjo mia, kiel eble,
ke vi ĉion tuj ekscias?
Kiam ĝojas mia koro
la vizaĝ' al vi radias.

Kiel, mia patrineto,
nur vi ĉion kun mi sentas?
Se ploregas mia koro,
en angulo vi silentas.

(Tradukis B. Friedrich.)

## Anoncetoj

Esperanto-kurso en gimnazio deziras korespondi. Ankaŭ la 23-jara kursgvidanto deziras korespondi, precipe kun fraŭlinoj. Skribu al Stojan Antonov Petrov, str. Ivan Dimitrov 3, R u s e, Bulgario.

★

10 kursaninoj 16- ĝis 18-jaraj serĉas korespondantojn tutmonde. Kursgvidanto: Mereto Schneekloth, Blidah Park 6, Hellerup, Danujo.

★

30 geknaboj 11- ĝis 15-jaraj deziras korespondi per poŝtkartoj ilustritaj pri literaturo, muziko, teatro, kino, sporto, ŝako, filatelo, fotografio, turismo. Esperanto-Grupo, Osnova škola, Novi Travnik, Jugoslavio.

★

Deziras korespondi dudekjara knabo kaj interŝanĝi p. m., p. k. kaj revuoj pri junularo kaj tekniko. Esperante, germane, ruse aŭ ĉeĥe. S-ro Bernard Krczelewski, Grudziadzka 39 m2, Bydgoszcz - Pollando.

★

Pro redakční práci potřebujeme velmi nutně velký slovník esperantsko-český. Kdo jej může nabídnouti, pište na adr. V. Tyráček, Jiráskova ul. 26. Uveďte cenu.

AGADO, informilo de Esperantista rondeto ĉe MěstOB en Jihlava. Aperas laŭbezone. Respondeca redaktoro: V. Tyráček, Jiráskova 26, Jihlava. Pov. 50-Vá-61. Presis Grafia 31, Jihlava.
Q-07*11132